=================================

# ESPERANTO EN AFRIKO

=================================

Bulteno de la Afrika Komisiono de UEA
Numero 02 Februaro 2007

****************************************

Karaj gelegantoj,

Jen finfine la dua numero de nia revuo!
Ni esperas, ke post tiu cxi numero, la venontaj aperos laux regula ritmo! En cxi tiu numero, vi legos precipe pri okazintajxoj en diversaj partoj de Afriko. Cxi tiuj vortoj portu al vi niajn bondezirojn por 2007!

Bonan legadon al vi cxiuj !

La Redakcio.

========================================

EHXOJ AFRIKAJ

## * KONGRESO DE ESPERANTO EN NIGXERIO

De la 15-a gxis la 18-a de decembro 2006 partoprenis al la Esperanto-Kongreso en Badagry (Nigxerio) 48 esperantistoj el Nigxerio, Togolando, Benino kaj Nederlando. Kurso por komencantoj, interkona vespero, Zamenhof-festo kun prelego pri Esperanto kaj gxia iniciatinto, gxojigaj revidoj en tre amika etoso meblis la unuan tagon kongresan. La duan tagon okupis salutvortoj de reprezentantoj el diversaj landoj, legado de salutmesagxoj senditaj de samideanoj kiuj ne cxeestis la kongreson, vizito al la ekspoziciejo. Tie, la abunda esperanto-literaturo konkrete konvinkis vizitantojn, ke esperanto estas vere vivanta lingvo kvankam artefarita. La arangxo kiu kulminis tiun tagon estis la sekvanta debato pri la kongresa temo, «memstarigxo de la Nigxeria Esperanto-Movado». Tiu cxi tre ricxo-enhava intersxangxo de ideoj instigis la veteranojn konsili al la nacia movado akiri memstarigxon morale, finance kaj materie. La debato pri la kongresa temo permesis ankaux elcxerpi jenajn punktojn kiel agadliniojn de la Asocio por la venonta jaro: pluvarbado kaj esperantistigo de novaj esperantistoj kiuj pretos labori por la movado, kuragxigo de malnovaj esperantistoj, kunlaborado kun la landa asocio, instigado al praktikado de Esperanto per okazigo de arangxoj kaj internaciaj/naciaj tagoj, seminarioj kaj kongresoj. La gxenerala asembleo igxis forumo por intersxangxi ideojn pri klubaj kaj landaj agadoj. Poste, la kvizo, vera distrajxo, ebligis al gekongresanoj ensakigi diversajn esperantajxojn.
Lastan tagon, legado (far' Ahmed Seraphin) de la rezolucio kongresa sekvita de komentoj pri la finigxanta evento kaj kontribuoj al plibonigado de okazontaj kongresoj finis la kongreson. Fotigxo grupa kaj la disigxo je la 10-a matene definitive finis la kongreson. Juri Smolders el Nederlando, kiu estis en Afriko de la 5-a gxis la 20-a de decembro 2006, ankaux gxuis la kongreson post sia vojagxo tra Benino kaj Togolando.

El raporto de Agbolo Didier

============================================================

## *14-a TEK (Togolanda Esperanto-Kongreso) EN MASSEDA

UTE (Unuigxo Togolanda por Esperanto), organizis de la 23-a gxis la 25-a de decembro 2006
sian nacian kongreson kies temo cxi-foje estis: "Kia estonteco por Esperanto en Togolando?"

Afancxao Raymond, invitite, enkondukis la kongresan temon. Sekvis debato vigla kiu instigis al gravaj decidoj. La kongresa rezolucio konsistos cxefe el tiuj cxi gravaj decidoj. Diversaj okazintajxoj plenigis la programon de tiu ci kongreso: diskuto-rondo; renkontigxo de la junulara sekcio JOTE kun la kongresa vilagxo Masseda kiu ricevis informon pri E-o kaj inviton al zamenhoffesto; decido starigi esperanto-klubon surlokan ; Gxenerala Asembleo dum kiu kluboj de UTE kaj JOTE prezentis siajn jarfinajn raportojn ; du komitatkunsidoj kiuj ebligis unue KOK-anojn raporti kaj due la novan gvidantaron decidigi pri membro/aligxo-kotizoj jaraj (ne-sangxitaj) kaj rememorigi al kluboj pri la jarfinaj raportoj 2006 kaj programo-bugxetoj por 2007.
Jen skize pri la novaj estraranoj de la gvidorganoj : la komitato apenaux sangxigxis en la konsisto sed gxin nun estras kaj vic-estras respektive Sagbadjelou Kokou kaj Adjé Adjévi. La estraron de UTE prezidas Agbehou Ayawovi kaj la stirilon de la junulara sekcio JOTE oni konfidis al Sedjro Kodjo Moïse.

Cetere, la distra programo konsistis el matcxo kaj balo. La kongresa teamo ludis kontraux la loka teamo "les lionceaux (leonidoj) de Masseda" kaj gajnis gin per tri goloj kontraux nulo. Dum la kongresa balo okazis kvizo kaj la partoprenintoj gajnis, cxu auxkcie, cxu lotorie, interesajn memorpremiojn. Estis decidite, ke la komitato kunvenos dufoje en 2007 : 15-an/04, 24-an/11. Planitaj estas kunvenoj inter la tri estraroj de UTE, JOTE kaj de la Komitato (la 17-an/03, la 19-an/10/2007) prepare al la komitatkunsidoj. Cetere, Lomé, Tsévié kaj Anfoin estis proponitaj kiel eblaj venontaj kongresurboj.

El raporto de Didier Agbolo

==============================================

## *CXADA ESPERANTO-ASOCIO EN NGXAMENA

Gxojigaj ehxoj venis el Cxado!
Post la ekspozicio «Fest'Africa 2005» en kiu cxeestis la esperantisto-grupo en Ngxameno/Cxado, la komunumo ne malaperis aux disiris. La grupo de studentoj gviditaj de Simeon Apollinaire Mondieu laboris, kaj nun Cxada Esperanto-Asocio naskigxis kaj oficiale ekzistas. Gxi kunsidas, kunigas la membrojn, laboras relative regule. Gxia klopodo sin konformi al la naciaj legxoj estis sukcesa. Gxi nun estas oficiale rekonita kaj sekve, la sxtato gxin rajtigis funkcii.

Al la jxus naskigxinta asocio ni deziru longan kaj intensan vivon por ke gxi plidisvastigu Esperanton kaj plivarbu geesperantistojn valorajn.

==============================================

## VOLONTULO CXE LA AFRIKA OFICEJO EN LOKOSSA BENINO

Pasintan auxguston, Ahmed Anagovi, esperantisto el Nigxerio, restis por unusemajna stagxo en la Afrika Oficejo de UEA en Lokosao, Benino. Li laboris tie helpe al la dejxoranta oficisto kaj por pretigi materialojn rilate al la nacia kongreso en Nigxerio tiam baldaux okazonta.
Temas pri unua de serio de stagxoj fare de afrikaj esperantistoj el aliaj afrikaj landoj. La Afrika Oficejo de UEA estas komuna ricxajxo de cxiuj afrikaj esperantistoj.

La Afrika Komisiono de UEA.

==============================================

## ESPERANTO-DOMO EN MALAGASUJO

Bruno Randrianarivelo en Antananarivo informis, ke estas preskaux finkonstruita la domo, kiu funkcios kiel Esperanto-Domo Komuna en Madagaskaro. Tie oni planas akcepti gastojn eksterlandajn kaj okazigi renkontigxojn. En gxi trovigxas du cxambroj por eksterlandaj gastoj, cxambroj por kursejo, ceremonioj, konferenco-renkontigxoj, muzikado, ktp...

La gxisnuna laboro estis ebla danke al la helpo de euxropaj esperantistoj.

===============================================

## BOJE, LANDA SEKCIO DE TEJO EN BENINO

Pasintan septembron en Lokossa, naskigxis BOJE, (Benina Organizo de Junaj Esperantistoj), junulara sekcio de la asocio nacia BEF.
Gxin prizorgas estraro tiam elektita demokrate. BOJE prezidas Felicien Yehouessi; André Gokan sekretarias, A Benjamine, Expedit V. Legbanon, Sonade Kakpo zorgas respektive pri la kaso, organizado kaj informado.

La TEJO-estrarano Francois Hounsounou, la prezidando de la landa asocio BEF Latifou Gbadamassi, Benoit Zinkpe de la Afrika Oficejo regentis la laborojn. Apartan dankon al Jean Codjo kiu finance helpis al tiu cxi arangxo.

Laux informoj de Benoit Zinkpe.

==============================================

## LAUXDINDA AGADO EN NOTSE

En la urbo Notse, 90 kilometroj for de Lome/Togolando, niaj samideanoj Jean-Louis Basile Agbolo la landa reprezentanto de IKUE en Togolando persiste agadas man-en-mane kun Flagbo Serges. Ili zorgas pri esperantistoj kiuj grupigxis en UTEK-sekcio. Ambaux estas porpastraj seminarianoj.
Porinforme, antaux kelkaj monatoj, Pastro Duilio el Italio vizitis la grupon. Li tie celebris meson en esperanto.

Afrika Oficejo de UEA en Lokossa ricevinte peton de la grupon sendis lernolibrojn aux/kaj kurslibrojn, malnovajn revuojn (Juna Amiko, Kontakto, Esperanto...) al la tre entuziasmaj lernantoj.

===============================================

## *ESPERANTO CXE RADIO EN LOKOSSA, BENINO

Dum la pasinta auxgusto okazis cxe la loka radio-stacio de Lokossa, kontraux modesta pago, elsendo pri esperanto dank'al serioza pridiskuto inter la direktoro de ties oficejo kaj Latifou Gbadamassi, prezidanto de BEF, la benina nacia movado.

Gbadamassi Latifou, Houenavo Pierre, Mahoussi Odette, Zinkpe Bénoît dum unuhora dissendo parolis pri diversaj temoj rilataj al E-o: historio de Esperanto, la vivo de Zamenhof, UEA, la oficialaj rezolucioj rilataj al E-o, Pasporta servo kiel avantagxo, la movado en Benino.
La loka radio-stacio poste dissendis cxiutage demandaron kiun respondu partoprenatoj al ludo pri E-o.

==================================================

### *GRATULENDA ARTIKOLO EN MAURICIO PRI ESPERANTO

Tre pozitiva artikolo aperis pri Esperanto en la mauricia periodajxo L'Express:
http://www.lexpress.mu/display_article.php?news_id=72171
La titolo de la artikolo estas en Eo kaj fine de gxi la jxurnalisto S-ino Sonia KALLA <s.serra@lexpress.mu> konsilas al la lernemuloj viziti la retejon lernu.net..
Anticipe dankon do pro viaj reagoj gratulaj cxu en la franca cxu en la angla, cxu kreole, cxu en Eo, sendotaj al la jxurnalisto.

===================================================

## *KUNVENO DE LA UME-a ESTRARO

En septembro 2006 kunvenis la estraro de UME.
La cxefa tagordo temis pri la preparado de la trimonata lingvokurso kaj la trejnigxo de kandidatoj al Eo-instruado.
Cetere, decidoj estis faritaj pri pasxoj kiuj helpu al informado de homoj pri la lingvo: radiodissendo, senpaga ofertado de sango en hospitalo.

Laux informoj de Henriel F.,
Prezidanto de UME

====================================================

## *PILKON SENDIS MELS AL BURUNDIO

Monda Esperanta Ligo por Sporto (MELS) sendis al la Kongreso de Esperanto-Asocio en Burundi (7-10an de auxgusto) futbalan pilkon (de Monda Pokalo 2006) kiel kuragxigan simbolan donacon por la entusiasmaj futballudantoj, kiuj deziras disvastigi Esperanton per sporto en Afriko.
Laux Jürgen Kloker, sekretario de (MELS)

===================================================

DZALEKA/MALAVIO

MBAZUMUTIMA Christine <christinembazu@yahoo.com>, dauxrigas sian agadon en Dzaleka/Malavio, okupigxante pri la grupoj de esperantistoj kaj georfoj. Aliflanke, ekzistas tie esperanto pilko-teamo kiu trejnigxas kaj ludas matcxon kontraux surlokj teamoj neesperantistaj.
Kuragxigajn vortojn kaj helpojn vi povas direkti al sxi tra la kutimaj vojoj.

======================================================

## *JUVELOJ DONACE AL AFRIKA OFICEJO

Potencaj kaj modernaj laboriloj estis donacitaj al Afrika Oficejo de UEA dum la pasinta jaro. Nia samideano, D-ino Leen Peeters en Belgio ankaux donacis PIII-komputilon. Jean Codjo portis al la AO komputilon kun moderna ekrano, memoro
250 Mhz, rapideco 1,8 Ghz; printilon rolanta samtempe kiel skanilo kaj aksilo; akumulatoron kaj regulatoron; auxtomatan telefonrespondilon.

La afrika esperantistaro tre dankas vin!

========================================================

# *TEJO-ESTRARANO EN GANAO

De la 27-a gxis la 29-a de oktobro 2006, la Tejo-estrarano pri landa kaj Afrika Agado, François Hounsounou vojagxis al Ganao por renkontigxi kun la esperantistoj Alfred Kobina Arthur kaj Paul Kwasi Mensah.
La celo de la vizito estas inciti la ganaan movadon partopreni ne nur en aferoj de TEJO sed ankaux en tiuj de la Afrika Agado.
La triopo diskutis pri la diversaj problemoj, kiuj bremsas la progreson de la ganaa movado spite al la relative granda nombro de membroj. François H. rekomendis al niaj samideanoj revligligi la movadon kaj kunlaboradi kun la Afrika Oficejo. La konversacio koncernis ankaux la Instituton, kiu kuragxigos la lernadon de esperanto en Ganao.

Niaj ganaaj esperantistoj planas relancxon de la movado nacia per organizado de nacia kunsido kaj pensas pri kiel poste starigi junularan kaj ilei-sekcion.
François kaptis la okazon por prezenti la mondcivitanecon, kiu estas laux li, kvazaux varbilo por esperanto.
Francois profitis de sia vojagxo, por kunporti librojn kaj lernomaterialojn kiujn la Afrika Oficejo de UEA kaj li mem donacis al la kluboj.

Estas bonvenaj volontuloj kiuj imitus S-inon Rosalind WALTER el Britio: sxi jam de multaj jaroj agadas por Ganao kien sxi sendas materialon kaj zorgas pri angla korespondkurso.

El raporto de François H.

==================================================

# KORESPONDI DEZIRAS :

*Touré Sekou Domain, kiu sercxas meznivelajn korespondantojn.
22 jaragxa, studento en la hispanligvo-fako de la Cocody universitato. Interesoj: kulturo, naturo, muziko. Ret-adreso: tsd_tche@yahoo.fr
Abidjan, Eburbordo.

*Ana AGOUZE, 26-jara virino, komencantino. komputilistino.
Ret-adreso: agouzea@yahoo.fr, BP 4915 Bè-Kpota, Lomé, Togo.

=======================================================

# EL NIA LETERKESTO

Estimataj,

Mi rete ricevis unuan (novan) numeron de Esperanto en Afriko. Tre informa, interesa kaj valida informo pri via aktiveco. Mi deziras al vi en via venonta laboro multe da sukcesoj kaj multe da novaj numeroj.

Mi esperas ke la novaj enhavos novajn informojn : eble kurso de Esperanto, adresoj por korespondado, rakontoj pri la plej bonaj esperantistoj, pri la komencoj de Esperanto en Afriko, mallongaj informoj pri landaj asocioj ktp.

Amike via,
Dimitrije

# LASTA INFORMO

En Porto-Novo/Benino okazis de la 19-a gxis la 24-a de februaro 2007, prepare al la kongreso de ILEI okazonta en 2008, la seminario de ILEI kiun gvidis Zsófia Kóródy kaj Agnes Geelen. Al tiu seminario partoprenis 17 geesperantistoj el Ebura Bordo, Nigxerlando, Nigxerio, Benino, Togolando, Belgio kaj Germanio.

Detalajn raportojn vi legos venonte pri la evento.

***************************************************************************
Viajn komentojn, konsilojn, sugestojn kaj raportojn pri okazintajxoj en via urbo au lando bonvolu sendi al la redakcia adreso

